# ESPERANTISTO SLOVAKA

Redakcio kaj administracio: MARTIN, ČSR-Slovakujo

VI-a JARKOLEKTO • OKTOBRO 1951 • NUMERO 10

## Enhavo:



## Informoj de SES:

*50 rokov esperantského klubu v Brne.* Esperantský klub pri Osvetovej akademii Komenského v Brne oslavoval jubileum svojho polstoročného trvania, v dňoch 17—18. XI. 1951 v Kultúrnom dome Jozefa Jurana v Brne, ul. Jána Masaryka. V sobotu 17. XI. o 19.30: priateľský večer s programom. V nedeľu 18. XI. o 9 h.: slávnostná schôdza s umeleckým programom. Rozsah osláv a výška ich úrovne zodpovedala významu a pracovitosti brnenského klubu, ktorý nadviazal úzku spoluprácu s naším klubom košickým (na krajovej schôdzke dňa 5. XI. v Košiciach).

*Samideán JUDr. Imrich Havaš z Hont. Tesár* bol (dňa 6. X. 1951, v aule Slov. univerzity v Bratislave), promovaný na doktora všetkých vied právnych a štátnych. Srdečne blahoželáme.

*Esperantský seminár,* každú sobotu o 18.30, koná sa v Prahe-II., Smečky 26, v miestnostiach Ženského klubu. Seminár potrvá až do februára a možno sa (týždeň vopred) prihlásiť i na jednotlivé sobotňajšie prednášky s následnou nedeľňajšou okružnou cestou po Prahe. Píšte na adr.: Esperanto-Asocio, Praha-II., Malá Štěpánská 7., kde vám obstarajú nacľah a 50% sľavu cestovného.

*Slov. esperantský ústav v Martine* obstará vám všetky dostupné publikácie okrem zahraničných, takže nemusíte už písať na rôzne adresy.

*Listový papier, obálku a dopisnicu* s esperant. nápisom dostanete v Slov. esperantskom ústave v Martine za Kčs 2.—. Seria 4 umel. pohľadníc s-ána akad. maliara M. Benku za Kčs 10.—.

*Na celoslov. schôdzke Junulara* v dňoch 20—21. X. 1951 vo Svite zúčastnilo sa 43 delegátov z 13 miest Slovenska a s-án Anton Slanina z Prahy za EAČSR a jej Junulara Sekcio. Po veľmi pekných referátoch Svitu, Popradu, Sp. N. Vsi a i., bol vyvolený výbor Junulara. Ciklostyl. bulletin Juna Voĉo prinesie podrobný referát o priebehu schôdze a bude úradným orgánom Junulara SES.

*Fotografiu Dr. L. L. Zamenhofa,* rozmerov 24×30 cm, posiela Slov. Esperantský ústav v Martine. Cena Kčs 60.— a porto. Vhodné najmä pre kluby a krúžky, na zarámovanie.

*Rubriku Korespondi deziras* sme museli odložiť do budúceho čísla.

*Nezabudnite* oznámiť zmenu bydliska a riadne frankovať svoje listy!

ESPERANTISTO SLOVAKA (adresa: Martin. ČSR-Slovensko), časopis Slov. esperantského ústavu, vychádza mesačne. — Zakladateľ A. Váňa. — Redigujú: E. V. Tvarožek a vedúci redakcie MUDr. Ľ. Izák. — Členom SES zadarmo. Členovský príspevok 100 Kčs na rok — Účet Pošt. sporit.: S-9615, Slov. esperantský ústav, Martin. — Novin. výplatné povolilo Riad. pôšt číslom 22.857-I.-1948. — Dozorný a podací pošt. úrad Martin. — Výmer PIO č. 21.098/51-II/3-394/A. — Časopis vypovedať (zrušením členstva v SES) možno len koncom kalendárneho roku pre budúci rok, vrátiť číslo nestačí a takúto formu výpovede neuznávame. — Predplatné možno žalovať u Okresného súdu v Martine.

ESPERANTISTO SLOVAKA (adreso: MARTIN, ČSR-Slovakujo), gazeto de Slovaka Esperanto-Instituto, aperas monate. — Fondinto A. Váňa. — Redaktas E. V. Tvarožek kaj la gvidanto de la redakcio: D-ro Ludoviko Izák.

Tlačiareň — Presejo: Neografia, n. p., Martin.

---

## ĈU HOMO-ĜI AŬ HOMO-LI?

Kiel „*ino*" deklasas dignecon de virino, same laŭ mia opinio „*ĝi*" deklasas homan dignecon. Krom tio tre ofte povas ekesti granda miskompreno, kiel ekz. jena frazo por mi estas nekomprenebla:

„En arbaro mi ekvidis homon kun infano. Ĝi estis tre altŝatura kaj portis ĝin sur sia ŝultro". Aŭ: „Ni sidis sur la plaĝo kaj rigardis kiel alproksimiĝas boato kun rapide remanta homo. Ĝia antaŭaĵo estis preskaŭ bela, sed ĝia postaĵo estis malpura kaj havis grandan truon, tra kiu senĉese enfluis akuo. Malgraŭ tio, ke ĝi ne ŝtopis ĝin ĝustatempe kaj la subakviĝo estis certa, ĝi sidis en ĝi trankvile kaj atingis la bordon feliĉe."

En la libro de J. Šupichová „Legu Kaj Parolu" mi trovis jenajn frazojn: „. . . Simpla homo disrompas la ludilon de l' vivo per la unua trompiĝo, poste *li* volas ĝin rekunmeti dum sia tuta vivo, sed tio ne estas ebla, ĉiam io mankas, ĝuste dirite, tiu ĉi trompo de la unua iluzio, kaj tial *li* kunmetas kaj kunmetas, kaj kunmetas, ĝis kiam *li* laca fine ĵetas ĝin for, aŭ li pacience kunmetas ĝin plue, ĝis kiam li ekdormas kaj la ludilo mem elfalas el lia lacigita mano". Tradukis Miloš Lukáš.

„Ĉiu homo kaŝas en sia interno iun bonon, kvankam, kaj ĝi estas tre ofte, lia eksteraĵo diras la malon" . . . „Bona nobla homo, kiu vivis kun ni, ne povas esti al ni prenata; li lasas lumantan postsignon, similan al tiuj estingiĝintaj steloj, kies bildojn la teranoj vidas ankoraŭ post jarcentoj".

Ankaŭ en „Heroldo" (n-ro 4, 1. III. 1951) mi trovis artikolon kun homo li.

Kompreneble, mi estas tre malmoderna homo kaj vi male — tre moderna, tial mia opinio koncerne ĝi-homon povas esti malĝusta.

*Milda Jakubcová.*

## RESPONDO.

La esperantistojn laŭ tio, kiel ili reagas je lingvaj fenomenoj, oni povas dividi en du kategoriojn. Al unu el la kategorioj apartenas tiuj esperantistoj, kies prototipo jam en la fruaj jaroj de Esperanto ekdubis: ĉu, anstataŭonte vorton „infano" oni devas uzi la „ofendan" ĜI, aŭ la „ĝentilan" LI? Ilin do oni povus nomi — ĝentiluloj.

La duan kategorion formas tiuj esperantistoj, kiuj en lingva teritorio sin direktas ekskluzive laŭ la Esperanta gramatiko, skizita en la Fundamento, kies regulojn ili trovas nek ĝentilaj, nek ofendaj, sed simple „logikaj", kiuj do parolante pri „infano" ne hezitas sin esprimi jene: „*En la korto ludis infano. Ĝi* estis *eksterordinare ĉarma.*", do *infano-ĝi*"*!* Ĉi tiujn oni povus nomi — gramatikuloj aŭ logikuloj.

Ni vidu, kion diras pri tiu ĉi „malĝentilaĵo" Zamenhof mem.*

Ĉi-loke oni ne povas citi la longajn respondojn en ilia tuteco, sekve ni kontentiĝu pri esencaj eltiraĵoj el ili:

---

* D-ro L. L. Zamenhof: Lingvaj Respendoj (Plena kolekto). Dua eldono, 1927.

ESPERANTISTO SLOVAKA

Redakcio kaj administracio: M A R T I N, ČSR-Slovakujo

VI-a JARKOLEKTO • OKTOBRO 1951 • NUMERO 10

# D-ro Kolomano Kalocsay 60-jara*

Ĉu povas esti serioza, progresema esperantisto literaturama, kiu neniam estus admiranta liajn poezi- kaj traduk-arton, aŭ kiu estus nestudinta liajn studojn pri Esperanto? Apenaŭ. Laŭ liaj altnivelaj instruverkoj: „*Parnasa Gvidlibro* , „*Lingvo, Stilo, Formo*“ kaj „*Plena Gramatiko de Esperanto*“ edukiĝas kaj edukiĝos al lingva perfekteco novaj kaj novaj laborantoj de Esperanta literaturo.

Lian 40-jaran vivo-vojon tra Esperantujo markas verkoj de ĝis nun nemezurebla valoro, kiel „*Streĉita Kordo*“, staranta ĉe la apogeo, la kulmino de Esperanta poezio originala, aŭ liaj tradukoj el 22 lingvoj, la „*Eterna Bukedo*“, indaj konkurantoj al tiuj de Parnaso de Popoloj de Antoni Grabowski, la *Dante-Kalocsay* „*Infero*“, kiu estas same epokfara, kiel Sinjoro Tadeo de Mickiewicz-Grabowski.

El la granda triopo poeta: Grabowski-Kalocsay-Baghy, li estas ne nur la plej multflanka, sed ankaŭ la plej profundan sulkon fosanta sur kampo poezia kaj lingva.

Neniu alia poeto Esperanta sukcesis ĝis nun prezenti tian *vastaskalan sonoriĉon de Esperanto*, kiel Kalocsay. Lia poeta liro, eĉ pli — lia arĝentosona, multakorda harpo produktis tiom da profundaj kaj ravaj majstraj poeziaĵoj, ke Esperanto per ili leviĝis je *nivelo efektive literatura*. Kio estas por ni Slovakoj Ľudovít Štúr sur lingva kampo, Hviezdoslav sur kampo poezia (originala kaj traduka), Krčméry en siaj Slovenské pohľady sur talentoserĉa kampo, tio estas por Esperanto en iom pli modesta formo solpersone Dro Kolomano Kalocsay. Oni ne scias, kiun pli admiri en li, ĉu la poeton, tradukiston aŭ lingviston.

Ni, liaj samtempuloj, nur scias, ke Kolomano Kalocsay estas eminentulo, prominenta konanto de Esperanto; ni nur scias, ke li estas granda,

---

* 6. X. 1891 en Abaujszántó (Hungarujo).

sed kiom granda li estas, tion scios nur la estontaj generacioj esperantistaj, kiuj, *elaŭskultinte eĉ la lastan vibron de lia animkordaro, solaj povos mezuri la tutan, el lia menso elfontintan trezoraron;* la pli granda tempa interspaco permesos al ili vidi *ne nur lian animprofundon, sed ankaŭ la grandon de lia arto, de lia genio universala.*

En 1912, kiel unujaran esperantiston, ankaŭ lin, kiel tiom multajn, eklogis la *Couturata Ido.* Sed trastudinte la Idajn gramatikon kaj vortaron kaj ekposedinte la lingvon sambone kiel Esperanton — li revenis al Esperanto. Lia decidiĝo por Esperanto estis feliĉa, ĉar Ido mortis kaj Esperanto vivas, evoluinte je lingvo literatura kaj tutmonda.

En jaro 1922 en Budapeŝt ekaperis „*Literatura Mondo*“, kies ĉefredaktoro tra ĉiuj ĝiaj periodoj estis li. Kiom da trezoraro poezia, beletra kaj prilingva formas la tri periodojn de tiu ĉi revuo! Kaj ĉiuj ĉi beloj kaj valoroj grandaparte elŝprucis el lia spirito, lia klara intelekto, aŭ almenaŭ lingve nobliĝis per lia redaktora interveno. La „Budapeŝta skolo“, kies plej tipa reprezentanto estas Kalocsay kaj kiu sin prezentis sur la paĝoj de Literatura Mondo, estis multe riproĉata pro sia sincera, malkaŝa *neologismemo.* Neologismo en la okuloj de propagandisto estas malhelpaĵo en la ellerno de Esperanto, sed literaturisto ĝin opinias *konstru-ero* de lingvo literatura, precipe poezia.

Estas pruvite, ke *sen neologismoj la Esperanto-literaturo ankoraŭ ne posedus la Dante-Inferon, eĉ ne Sinjoro Tadeo ornamus nian bibliotekon, mankus al ni la Biblio,* neparolante pri multaj aliaj poeziaj kaj beletraj verkoj de nia originala kaj tradukita literaturo, ne-esceptante eĉ la verkojn de Zamenhof mem, kies *fidela disĉiplo ĉiukampe estas la jubileanto.*

Ni, esperantistoj, estas kaj restos grandaj ŝuldantoj al Dro Kalocsay pro lia *plena sindediĉo* al Esperanto kaj okaze de lia 60-jara vivjubileo ni deziras al li, ke li estu *longe-longe sana, vigla, laborkapabla por povi ekspluati ankoraŭ multe da perloj el profundo de sia menso kaj kadri ilin en arta-forma poeziaĵo aŭ kristale klara instruaĵo.* Li estos ĉi-okaze feliĉa, Esperanto estos malavare riĉigita kaj la esperantistaj generacioj estos posedantoj de enviinda trezoraro.

*J. V. Dolinský.*

*K. Kalocsay:*

# Kvar sonetoj

*I.*

## Marx

*En labirint' malluma, tra densa voj-zigzago,*
*La homoj blinde stumblis sen lumigil' spirita,*
*Kaj ĉiu ret' obstakla, de ili mem farita,*
*Aspektis nehelpebla kiel natura plago.*

*Fetiŝoj paŝon baris, mistika rev-imago*
*Per voj' erara trompis. En la nebulo mita*
*La manojn pie lavis la penso hipokrita,*
*Ke pri l' mond-ordo kruda ne helpas homa ago.*

*Sed Marx fetiŝojn rompis per la martel de l' vero,*
*Ekŝanceliĝis muroj de l' labirint-karcero,*
*Kaj malfermiĝis vojo al la libero hela.*

*Spirit' de Marx, lumigu tra la anim-obskuroj,*
*Ĉar talpojn vane vokas la flago ruĝe ŝvela,*
*Nur la vidantojn logas la klaro de l' lazuroj!*

*II.*

## Engels

*Amik' de Marx, amiko ol frato pli amika,*
*Subteno kaj kunulo en lukto kaj en kreo,*
*Kunulo en akuzo pri laborsklava veo,*
*Kunulo en malkovro de l' mond' dialektika.*

*La mondon Hegel kaptis, kaj en sistem' unika*
*Ĝis la du filozofoj la grandan turnon faris,*
*Tez', antitez', sintezo, kaj neo de la neo:*
*Pens-leĝoj regis mondon el nura pens' logika.*

*Sistem' mirinda estis, sed sur la kap' ĝi staris,*
*Ĝis la du filozofoj la grandan turnon faris,*
*Stariĝis ĝin, reale, de l' kap' al sur la plandoj:*

*Mond-leĝoj regas penson, spegulon de l' mond-sfero*
*Kaj la sistem' turnita ekstaris, kaj tra landoj*
*Ekmarŝis firmapaŝe, triumfe, por konkero,*

III.

## Lenin

*Milmova amasestro, stratego de l' tertremo*
*Skuinta mondsesonon ĝis fundo fundamenta,*
*Geniul' fandanta en si laŭ grundo monumenta*
*La oron de l' scienco kun ŝtalo de l'agemo!*

*Esper' de ĉiu koro ĝemanta de subpremo*
*En fumaj fabrik-urboj aŭ tribo orienta,*
*Terur' de l' mond-priraba uzuro insolenta,*
*Kiun la ŝvit' kaj sango nutras per tantiemo!*

*Nun en la Ruĝa Placo sur marmor-katafalko*
*Ripozas la kranio kun la titana arko,*
*Sed viglas plu kaj gardas kaj lumas plu por gvido*

*La Viro ĉiospita, klarvida sen indulgo,*
*Kaj simpla inter simplaj, sed de l' simpluloj fido,*
*Martelo de epokoj, mond-krea demiurgo!*

IV.

## Stalin

*Konstrui socialismon sur sovaĝ-stepa grundo*
*Spronante ducent gentojn por agoj anim-fandaj,*
*Konstrui por modelo de gentoj ĉiulandaj*
*La mezuratan mondon de paco kaj abundo:*

*Jen task' farata de vi sur la Lenina fundo,*
*Semant', el kies semoj elkreskas urboj grandaj,*
*Sorĉist', laŭ kies frapo disfluas larĝrubandaj*
*Kanaloj tra dezertoj por porto de fekundo.*

*Georg' tretinta kapon de l' diverĝisma drako,*
*Plej firma rok', sur kiu rompiĝis la atako*
*De l' blankaj kaj de l' gotaj hordoj ĉe Stalingrad':*

*Sub via gvido marŝas rusoj, burjat-mongoloj,*
*Uzbekoj, latvoj, gruzoj, turkmenoj — frat' kun frat'*
*Al riĉ', liber' kaj scio — paŝtisto de popoloj!*

# Ezopa Fablo

*La ĉeval' kaj bovo ie*
*Ekdisputis energie*
*Pri l'merito*
*En milito.*

*Diris la ĉeval' incite:*
*„Eĥ, malsprite*
*Estus dubi nian gloron*
*Kaj valoron.*
*La ĉevaloj*
*Al bataloj*
*Kuri ĉiam estas pretaj*
*Je l'trumpetaj*
*Sonoj —*
*(Iom helpis ankaŭ spronoj)*
*Kaj la ŝarĝon de l'kanonoj*
*Tra abruptaj ŝtonoj*
*Kiuj trenis?*
*Nur ni!“ — la ĉevalo henis.*

*Bov' respondis dum remaĉo:*
*„Ĉevalaĉo!*
*Vi ja vane fanfaronas,*
*Ĉar ni donas*
*Tamen la plej grandan servon!*
*Ja al si la cerbon*
*La marŝalo vane rompas,*
*Vane pompas*
*La kuraĝo,*
*Se l'furaĝo*
*Mankas.*
*Kaj al kiu dankas*
*La viandon la soldat' malsata?*
*Al la bovo malŝatata!*
*Via gloro sole ŝajnas,*
*Ĉiun venkon bovo gajnas.“*

*Paŝtis sin melankolie*
*Ankaŭ la azeno tie.*
*Ĝi malplaĉe aŭdis,*
*Ke sin ili laŭdis.*
*Ĝi iais*
*Kaj balais*
*La aeron per oreloj*
*Kaj ekkriis: „Bagateloj!*
*Jen la vero:*
*Sur la tero*
*Se azenoj ne amasus,*
*La milit' eĉ ne okazus!“*

*K. Kalocsay*

# Ni ne forgesu!

„K. L. 3. Dachau.“

*Alveno.* Tuj post la malplenigo de la aresteja aŭtobuso antaŭ la interna koncentrejpordego, kiun formis la fama „Schurhaus“, sidejo de la senperaj komandantoj de la koncentrejo, la arestitoj kun siaj pakaĵoj stariĝis unuope, duope, triope — laŭ la nombro en la transporto — ĉe la interna flanko de la pordego. Ĝi estis la fama loko por „stari ĉe pordego“, ia pilorio en nia senco de vorto, kie por multaj horoj estis starigataj ĉiuj, kiujn atendis ia malagrabla sorto, komencanta per pendalligo kaj bunkro kaj finiĝanta per ekzekuto aŭ gaskamero; kiuj estis kaptitaj ĉe faro aŭ denuncitaj pri io, kio transpaŝis la paciencon kaj la samtempajn ordonojn de la koncentrejaj gvidantoj. Mi rimar-

kigas, ke ĉi ordonoj ŝanĝiĝis tre ofte, eĉ kelkfoje dum unu tago, kaj la nescio pri ili senkulpigis neniun. La novalvenintoj, regule post kelkhora atendado kun malkovritaj kapoj — dum ĉi tempo ili estis surprizataj per vizitoj, demandesplorado kaj eĉ pli malbonaj afablaĵoj fare de la preterirantaj SS-anoj — estis forkondukitaj en la t. n. politikan sekcion, kie oni submetis ilin al ĝenerala esplor-demandado, fotografado, daktiloskopiado kaj poste ili estis forkondukitaj en la t. n. „Schupraum". Tie ili estis denove registritaj kaj devigitaj senvestiĝi ĝishaŭte, formeti ĉiujn siajn valizojn kaj objektojn, neparolante pri juveloj kaj aliaj valoraĵoj. Ĉio formale estis metita en specialajn papersakojn por eventuala hejmenlaso. Sed estis publika sekreto, ke pri ĉio, kio havis nur ian valoron — se ĝin tuj ne disprenis la SS-anoj — floris vigla interŝanĝ-komerco, eĉ se tio estis vivdanĝera okaze de perfido. Tiel estis precipe ĉe la alveno de grandaj transportoj el Pollando kaj pli poste el Francio. La homoj, prirabitaj pri ĉio kaj nudaj, staris antaŭ la banejoj denove envicigitaj, senrespekte je jarsezono, ĉu seka, ĉu pluva, suna aŭ frosta, kaj unu post la alia estis enlasitaj en la razejojn, kie ili estis senposedigitaj de ĉiaj siaj naturornamaĵoj, t. e. de hararo, barbo kaj de la korpoviloj. Poste ili estis kondukitaj sub varmegajn duŝojn kaj miatempe, precipe okaze de pli grandaj transportoj, ili estis mergataj en sufiĉe koncentritan dezinfektan fluidaĵon en kuvo, nature eĉ mil homoj en la saman akvon. Ĉe grandaj transportoj al la arestitoj oni deprenis en banejoj la bandaĝojn, enskribis la malsanojn, tuj klasigante ilin inter laborkapabluloj aŭ invalidoj.

Alie post varmega banado, la nudaj arestitoj staris kutime ofte dum 12—24 horoj, eĉ nokte, sur la koncentreja placo „Appelplatz", antaŭ ol ili ricevis ĉemizojn, kalsonojn, kiuj estis jam perfektaj vestaĵoj por labornekapablaj, dum la laboristoj ricevis la konatajn striitajn pantalonojn, jakojn kaj lignoŝuojn. Poste ili estis kondukitaj al la bloko de alvenintoj, t. e. en ian edukejon por ordinara koncentrejano, ankaŭ per dorna drato kaj gardistaro severe apartigita disde la malnovaj arestitoj.

Ne estas necese rimarkigi, ke la vivmaniero en ĉi tiu bloko de alvenintoj estis ia gradigo kaj koncentrigo de ĉiuj koncentrejaj ekipaĵoj kaj teruroj, por ke la alveninto tuj ĉiuflanke ekkonu, pri kio temas. Ĉi-rilate la „Zugangsblock" estis bona preparo kaj enkonduko

por tiuj, kiuj estis Judoj aŭ kiuj kun rimarko R. U. (Rückkehr unerwünscht — Reveno Nedezirata) aŭ N. N. (Nacht und Nebel — Nokto kaj Nebulo) de hejma Gestapo, kunportis tiun ĉi Bellerofontan pasporton de sia estonta sorto.

Nin pleje interesos la flanko saneca. Kun ĝi ekrilatis la alvenintoj ofte jam en la unua tago, kutime la sekvantan tagon, kiam ili estis alkondukitaj en la *regionon,* t. e. en koncentrejan malsanulejon.

Viciĝitaj antaŭ la pordego de la regiono, ili devis denove senvestiĝi kaj nudaj atendi la enlason en la t. n. regionan registrejon, kie oni skribis ilian anamnezon, t. e. sanecan biografion, kie ili estis pesitaj, mezuritaj, en la pli postaj jaroj ĉiuj eĉ röntgenitaj, sed neniam esploritaj de kuracisto. Ĉi-okaze, dum la lastaj tri jaroj de nia restado en la „regiono", ni havis la unuan okazon interkontakti kun la alvenintoj, precipe kun samlandanoj kaj „organizi", t. e. ilegale prizorgi al ili — ĉiam grave malsatantaj kaj malfortiĝintaj — la unuajn kontribuaĵojn de manĝaĵo kaj vestaĵo. El psikologia vidpunkto estis netakseble, se la alveninto, kutime pro longa transportado senfortigita, per la pasinta aresto marasmigita, kaj per ĉio, kio lin ĉirkaŭis ĉe alveno en la koncentrejon, per la medio kaj najbaraĵo konsternita kaj timigita, ekvidis, ke tamen de ie estis al li etendita helpa mano, kvankam tio estis nur pajlero en la ruliĝanta ŝlima fluo de la koncentreja vivo. Ĉe multaj tio signifis plenan ŝanĝiĝon kaj savon de la animforto kaj superregon de nervoj.

En tempo, kiam mi venis en la koncentrejon, ĉi tiu esplorado de sanstato kaj anamnezo de la elvenantaj arestitoj estis praktikata tre precize kaj intence al bezono de la SS-kuracistoj, por trovi taŭgan materialon por ilia „scienca kaj kuracista" laboro. El la arestejo ni estis alkutimiĝintaj helpi al ni per ĉiuspecaj efektivaj aŭ fiktivaj malsanoj, tial estis tute nature, ke ĉiu serĉis en sia memoro ĉian patologian signon, kiu eventuale povus al li plifaciligi la atendatan severan koncentrejan vivon, akirante por li kompaton aŭ mildigon. Neniu donis al ni instruojn, tial grandparte ni iris renkonte nian propran pereon. Ĉe mia demandesploro mi menciis la fakton, ke antaŭ jaroj mi suferis je galveziko kaj eble pro tio mi dum jaroj tre malbone toleris la nutraĵon de diversaj arestejoj. Ĉi tiu indiko estis facile pruvebla pere de mia ĝenerala stato, ĉar ĉe la alveno en la koncentrejon mi

pezis eĉ ne 50 kg. Nature mi ne antaŭsentis, ke ĝuste pro tio post kelkaj monatoj mi pezos je 15 kg pli malmulte.

Post ĉi tiu tielnomata trarigardo la arestitoj estis forkondukitaj al fermita bloko, kie la blokuloj, ĉambruloj kaj aliaj koncentrejaj funkciuloj ilin rapide ensekretigis en ĉiujn koncentrejajn sekretojn kaj instruis spiti ĉiujn koncentrejajn kutimojn kaj morojn. Ĉi-rilate helpis ankaŭ la SS-gardistoj, kiuj ĝuste en ĉi tiu bloko de alvenintoj trovis plej grandan plezuron kaj medion por siaj kapricoj en stato ebria kaj malebria. En ĉi tiu bloko de alvenintoj estis kutime jam decidite pri la definitiva sorto kaj estonteco de ĉiu unuopulo kaj tre multaj jam ne venis pluen. La t. n. ordo kaj pureco estis gradigitaj ĝis neebleco kaj same la punoj. Pro tio la ĉambroj en la bloko de alvenintoj brilis ĉiam per vera pureco, pli bone dirite per muzeaj pureco kaj ordo, ĉar ĉiu natura faro, ĉu dormado, lavado aŭ necesejo, signifis ordigon en tia mezuro kaj dresado, ke la pli malfortaj kaj timemaj evitis ankaŭ tion, kio de homa flanko sole povis kaj devis alporti malŝarĝon — nur ke ili ne havu superfluajn malgrablaĵojn kaj turmentadon. El la bloko de alvenintoj oni ne iradis labori, sed krom lernado pri disciplino kaj ordo, por povi bone titoli la SS-rangulojn kaj raporti al ili (la eraro ĉi-okaze signifis grandan vivdanĝeron), oni lernis amase kanti germanajn marŝkantojn laŭ preskribita repertuaro ĝis enuo, marŝi kaj kuri kaj komune gimnastiki dum ĉiu vetero sur la Appelplatz, sed precipe dum longaj horoj stari malsata pacience kaj atendi. Unu el la plej grandaj artoj estis marŝi en pezaj lignoŝuoj, tre malbone sidantaj sur la nudaj kaj pli poste premkontuzitaj kaj frotdifektitaj aŭ frostvunditaj piedoj. Tio estis tre grava, ĉar perdita aŭ defalinta lignoŝuo signifis vivdanĝeron, kiam pluaj amasondoj prempuŝiĝis trans la falpuŝiĝinton, aŭ se unu lignoŝuo mankis. Kaj tiel estis ĉie, ĉu temis pri manĝilaro, viŝtukoj aŭ aliaj objektoj. Tiu, kiu ne trapasis koncentrejon, malfacile povas imagi al si, kia zorgo, teruro kaj turmento nin premis, kiam ni revenis al la bloko por manĝi aŭ dormi kaj kalkulis, kio perdiĝis, kio dume okazis, ĉar ĉi-rilate oni devis pensi ne nur pri malbonvolo kaj malbona intenco de la senĉese reviziantaj SS-anoj, sed bedaŭrinde ankaŭ de tiu de la t. n. amikoj.

(Traduko de la II-a ĉapitro de „La devojiĝinta medicino“ de D-ro František Bláha.)



Ankaŭ en la fizkulturo la virinoj estas egalvaloraj al viroj.

*Foto K. Procházka.*

*M. Jakubcová:*

# Via Mario

*— Tonĉjo, vi demandis min, kio okazis? Nenio eksterordinara. Post la dejoro mi revenis hejmen bonhumora kiel ĉiam. Ekvidinte mian edzinon, kiu tenis en siaj manoj grandan florpoton kaj tremis kiel folio de tremolo, mi rapidis liberigi ŝin de la peza florpoto. Nur iom mi „mispaŝis" kaj ... la poto „falis" sur mian kapon. Unuavide mi estis certa, ke forruliĝis mia kapo, ĉar mi ne povis eĉ ekvorti, sed post kelkaj minutoj mi konstatis la disrompiĝon de la florpoto, dume mia kapo sidis inter miaj ŝultroj peza kaj granda kiel katedralo. Kulpa estas sole mi mem. Vi ofte asertis al mi, ke mi estas malgenia homo, nun vi povas konvinkiĝi pri la malo.*

*— Hm ... mnn ... Petro, ĉu mi ne venigu al vi pastron kaj notarion? La morto ne atendas, kaj la vivo atendi ne devas — diris Antonio al sia amiko Petro.*

*— Prenu vin diablo kun viaj stultaj konsiloj. Ĉu vi ne scias, ke mi, kiel esperantisto, laboras por atingo de la tutmonda interkompreniĝo, amo kaj amikeco? Pro nura bagatelo mi ne intencas vidvinigi mian edzinon. La florpoto krevis, sed mia kapo nur ŝvelis. Homo ja ne estas pulo, li alkutimiĝas al ĉio — parolis Petro.*

*— Pentkonfesu ĉion al mi, vi stupokapulo, krimulo, vi granda virinĉarmanto — tondris Antonio.*

*— La pentofaro estas por mi same agrabla kiel la maĉado de vato je malsata stomako, sed por ke vi ne pridubu mian amikecon kaj sincerecon, do aŭskultu! Inter miaj korespondantoj mi havas unu baletistinon en Italujo. — Via Mario —, portis la subskribon ĉiu ŝia letero. Mi ŝin ege adoris, komprenu, ŝian dancarton. Mia edzino nescipovante Esperanton, ne komprenas la enhavon de la ricevitaj leteroj. Nur foje ŝi ekscitiĝis traleginte la subskribon: „Via Mario". Ŝi diris al mi, ke mi nepre ĉesu la korespondadon kun tiu — Via Mario. Mi respondis, ke Mario estas en Italujo vira nomo kaj ke mi kun neniu virino korespondas, ĉar mi eĉ dum sonĝo vidas nur ŝin, mian dolĉan edzinon. Nun, kiam mi laste hejmen venis, akceptis matene mia edzino dikan leteron de Mario, kiu fariĝis suspekta en la okuloj de mia edzino. Ŝi tute simple malfermis la koverton kaj ...el ĝi elfalis 4 fotoj de Mario en*

*plej ĉarmaj danco-pozoj. Dorsflanke sur la bildoj estis dediĉo kun subskribo: Via Mario. Senefikaj restis ĉiuj miaj klarigoj, ke la bildoj fakte apartenas al iu alia s-ano, vanaj estis miaj pardonpetoj. La fotoj disŝiritaj flugis teren kaj sekvatage, kiam mi malfermis la okulojn, mia edzino staris ekirprete en la ĉambro kaj post momento brufermego de la pordo atestis pri ŝia foriro. Kiam mi ellitiĝis, io blankis sur la planko. Ĝi estis restaĵo de unu el la fotoj kaj mi ekvidis sur ĝi la bone konatan, belan subskribon: Via Mario.*

*— Petro, vi estas azeno, kial vi ne donis al Mario mian adreson? Faru tion almenaŭ nun kaj eterna paco kaj interkompreniĝo regos inter vi kaj via edzino.*

*PhMr. Ondrej Hoffmann:*

# Sanigaj kreskaĵoj

(Fino.)

Niaj vegetalaj riĉaĵoj estas tiel grandaj, kiel en preskaŭ neniu malgranda ŝtato. La klimataj kaj grundaj kondiĉoj estas tiel diversaj, ke sur la teritorio de nia patrujo kreskas pluraj centoj da altvaloraj specoj de medicinaj kreskaĵoj, kiuj en naturaj kondiĉoj liveras laŭkvante kaj laŭkvalite netakseblan trezoron, havantan nelimigitan kampon de uzebleco. Pri ilia utiligo nun zorgas laŭcela organizo de kolektado, gvidata de fakuloj kun longjaraj spertoj, por ke ĉiu speco estu kolektata dum plej konvena tempo, speciale sekigata kaj stokigata, kaj por ke la konsumanto aŭ la fabriko ricevu la plej bonajn krudaĵojn, en kiuj laŭeble estu konservitaj ĉiuj eroj en originala stato. (La rudimentoj de tiuj ĉi deponejoj estis la hejmapotekoj, konsistantaj el sekigitaj sanigaj kreskaĵoj, kroĉhokitaj subtegmente.)

Apotekoj en malgranda amplekso, la farmacia industrio grandamplekse kompletigas la ĉefan signifon de la kolektado, liverante al la suferantoj grandvalorajn kaj efikajn kuracilojn, ebligantajn pli rapidan revenon de fabriklaboristoj al iliaj maŝinoj kaj redonante ĝojon pri la vivo kaj laboro al ĉiu malsanulo. Sed la utiligo de tiuj ĉi malmultekostaj naturaj riĉaĵoj estas grava ankaŭ el politik-ekonomia vidpunkto. Centoj eĉ miloj da homoj povas gajni ĉi-maniere siajn vivrimedojn kaj la

farmacia industrio ricevadas malmultekostajn kaj ofte grandvalorajn hejmdevenajn krudmaterialojn. Oni ŝparas fremdajn valutojn, kaj eĉ povas eksporti al eksterlando, de kie ni ricevadas interŝanĝe aliajn bezonaĵojn.

La kolektado havas ankaŭ alian celon. La junularo, ekspluatanta brigadforme tiun ĉi kapitalon el la sino de la naturo, krom la utilega laboro ekkonas novajn florojn, herbejojn, valojn kaj arbarojn kaj kunigante la moviĝon en freŝa aero kun praktika instruado, ellernas ŝati la naturon. La homo tiel edukita, kondutas en la naturo kiel kultura estaĵo. Li zorgas, ke nia floraro ne pereu, sed male, ke la novaj specoj, kreitaj per taŭga miksado de specoj, hejmiĝu ĉe ni kaj ke nia patrujo pliriĉiĝu. Tiel elkreskadas sana kaj hardita generacio, ĉiam preferanta la restadon en libera naturo anstataŭ la sidadon en amuzejoj.

Ankaŭ la registaro helpas, subtenante la kolektadon kaj kulturadon de medicinaj kreskaĵoj kaj ilian plej ekonomian uzadon. Multaj esplorstacioj, gvidataj de eminentaj fakuloj kaj plej moderne ekipitaj, pliprofundigas nian scion pri la riĉaĵo, kaŝita en sanigaj kreskaĵoj. Multaj sciencistoj serĉas novajn specojn, aŭ kreas ilin laŭ hodiaŭ jam konataj leĝoj pri heredado.

## *Kiel pesi elefanton*

*(Ĉina rakonto.)*

*Antaŭ longaj jaroj vivis en Ĉinio potenca regnestro Tao Czan. Foje li ricevis donace grandegan elefanton. En tiu tempo elefanto estis granda maloftaĵo (raraĵo). Ĉiu, kiu vidis la grandegan beston, miregis. Eĉ Tao Czan estis tre mirigita pro la dimensioj de la elefanto kaj li ekscivolis, kiom ĝi pezas. Li kunvokigis ĉiujn siajn saĝulojn kaj konsilantojn kaj diris:*

*— Mi deziras, ke vi konsilu al mi, kiel pesi la elefanton.*

*La saĝuloj alrigardis sin reciproke kaj komencis cerbumi. Ili cerbumis ĝis vespero, sed senrezulte, kaj tial ili petis Tao Czan, ke li prokrastu tiun ĉi aferon por la sekvonta tago. Frumatene ili kolektiĝis en la reĝa kortego.*

*— Nu, ĉu vi elpensis ion? — demandis Tao Czan.*

*— Jes, estis ilia komuna respondo.*

*Intertempe la plej serioza kaj plej grasa saĝulo antaŭenpaŝis antaŭ la reganton, malfermis grandan libron kaj eklegis. Tao Czan aŭskultis kun fermitaj okuloj.*

*— En tuta Ĉinio ne ekzistas pesilo sufiĉe granda por pesi la elefanton — legis serioze la saĝulo kaj Tao Czan konsente kapjesis.*

*— Tial — daŭrigis la saĝulo — la plej saĝa el la plej saĝaj konsiloj estus: dishaki la elefanton en cent pecojn, pesi aparte ĉiun pecon kaj poste la elefanton denove kunmeti.*

*Tao Czan malfermis siajn okulojn, saltleviĝis kaj kolere ekkriis:*

*— Vere, vi povis elpensi nenion pli malsaĝan! Ĉu vere en tuta Ĉinio ne estas homo, kiu scias, kiel pesi elefanton?*

*— Mi scias, — eksonis pepa voĉeto. Tio estis Din-li, la malgranda filo de ĝardenisto, kiu alportis fruktojn al la saĝuloj. La saĝuloj alrigardis la malgrandan fanfaronanton.*

*— Ĉu vi scias tion fari? — demandis Tao Czan.*

*— Tre simple, — respondis la knabo. — Enkonduku la elefanton en grandan ŝipon kaj marku la lokon, ĝis kiu enakviĝos la ŝipo. Poste elkonduku la elefanton sur la bordon kaj plenigu la ŝipon per ŝtonoj, ke ĝi enakviĝu denove ĝis la marko. Poste sinsekve pesu la ŝtonojn kaj tiel vi konstatos la pezon de la elefanto.*

*— Bonega solvo, — ĝoje ekkriis Tao Czan, kaj la gravmienaj kaj grasaj saĝuloj foriris hontigitaj.*

*Tiel Din-li, la filo de simpla ĝardenisto, hontigis la reĝajn saĝulojn.*

El rusa lingvo tradukis *A. Príbela.*

# Skribas la legantoj

AKUZATIVO post „PO“ — IDIOTISMO.

„Mi ne komprenas, kial oni propagandas Esperanton kiel la plej facilan, senescepte laŭregulan lingvon, se aliflanke oni malnecese provas kompliki ĝian gramatikon“ — ekpensis multa leginto de la artikolo „Po — slavdevena prepozicio“ en „ES“ junio-julio 1950. Sesdek jarojn senriproĉe validis la regulo, ke post prepozicio sekvu substantivo — kun ĝia tuta event. apartenaĵo (adjektivo, pronomo, numeralo, adverbo

ktp) — en formo nominativa. Kiom grava kaj por Esperanto utilega estis nun la motivo atenconta kaj perturbonta la plenrezulte pruviĝintan aksiomon gramatikan? Se oni penetras ĝis la ĉefradiko de ĉi tiu motivo, tiam aperiĝos tute ne iu respektinda bezonego de la Esperanta gramatiko, sed la preterkonscia sentimento-residuo de nacilingva idiotismo ĉe la „pledanta aŭ nur konstatanta“ akuzativisto, kiu per sia argumentado neniigas propran hipotezon, „ke certan deklinacian kazon post la postnumerala substantivo diktas ne la „po“-prepozicio, sed la numeralo“-per la proksimsekva frazo: „La supraj reguloj *validas en la Slovaka ĉe ĉiuj transiraj verboj.*“ Eĉ se la sama regulo validas en slavaj lingvoj, ĝi ne validas jam ekz. en lingvo litova, kie la „po“-prepozicio sekvigas dativon. Ankaŭ ekz. la anglo-romanoj tute senĝenite ignoras la „po“-akuzativismon kiel nacilingvan idiotismon embarasigan kelkajn unuopulojn, por kiuj transiraj verboj en ilia patrolingvo ŝajnmotivigas la „bonecon kaj uzeblecon“ de la postnumerala substantivo en formo akuzativa. Pli supre jam estis aludite, ke numeralo estas nur la ĉiam adaptiĝanta akcesoraĵo regata de koncerna substantivo, neniam ties dominanto. Ĉi-kaze evidente ne la numeralo, sed la transira verbo estis la vera kialo de kromvola nacilingva idiotismo akuzativista.

*Aĉetu po du korboj da pomoj.* „Mi konsilas uzi post „po“ (tiel same kiel post „da“) la nominativon“ (Zamenhof: Lingvaj respondoj pĝ 40). — „Disdona prepozicio „po“, ĉiam sekvata de nominativo“ (Paul Fruictier en sia gramatiko).

*Otakar Vyhnal, Praha.*

Sinceran dankon al s-ano Fr. Jakubec pro liaj kritiko kaj informoj. En la nederland-lingva kantlibro — el kiu la kanto estas tradukita — la fonto ne estas nomita.

*I. Schoon, Haarlem.*

# Gramatika ripetaĵaro

(Daŭrigo el n-roj 6—8)

5. *Kiajn vortospecojn oni nomas „vortoj variaj“?* Tiajn, kies formo ŝanĝiĝas per alpreno de diversaj finaĵoj. Male vortoj, kiuj sian formon neniam ŝanĝas estas — vortoj nevariaj.

6. *Kiuj vortospecoj estas variaj?* a) substantivo — homo, homoj, homon, homojn, k. s. b) adjektivo — bona, bonaj, bonan, bonajn, k. s. c) pronomo — mi, min, tiu, tiuj, tiun, tiujn, k. s. d)

verbo — vidi, vidas, vidu, vidus, k. s., eĉ kelkaj adverboj — hejme, hejmen, lite, liten, k. s.

7. *Kiuj vortospecoj estas nevariaj?* a) adverboj — tuj, jam, ĵus, tre, baldaŭ, morgaŭ, ankoraŭ, preskaŭ, ktp. b) prepozicioj — al, en, pri, post, ktp. c) konjunkcioj — sed, kaj, aŭ, ke, ktp. kaj d) interjekcioj — hej!, ha!, brr!, miaŭ!, ktp.

8. *Kion vi scias pri la gramatika genro?* Ĝi ne ekzistas en Esperanto. Ekzistas nur naturaj vira kaj ina seksoj.

9. *Kio montras la virsekson ĉe la substantivo?* a) ĉe la personnomoj nenio, b) ĉe la bestonomoj neces-okaze la prefiksoido „vir" — virkato, virŝafo, k. s. La virsekso multokaze evidentas laŭ la kunteksto — Viro kaj virino marŝis tra l'arbaro. En la ĝardeno piedgratis koko kun kokinoj.

10. *Kio montras la inan sekson ĉe la substantivoj?* Preskaŭ ĉiam la in-sufiksoido — virino, patrino, kolegino, samideanino; kaprino, birdino, formikino, ktp.

Sen sufiksoido — amazono, madono, damo, k. s.

11. *Kiom da gramatikaj nombroj ekzistas?* Du: singularo kaj pluralo.

La pluralon montras la j-finaĵo, la singularon la manko de la j-finaĵo. Pluralan signifon havas la ar-vortoj — homaro, kantaro, ktp. eĉ kelkaj radik-vortoj singularaj — popolo, nacio, armeo, ktp. Ili esprimas kolektivon.

12. *Kiuj vortospecoj estas deklinacieblaj?* — Deklinacii oni povas: a) substantivon — domo, al domo, domon, kvino, al kvino, kvinon, k. s. b) adjektivon — juna, pri juna, junan, k. s. c) pronomon — mi, de mi, min, kiu, kun kiu, k. s.

13. *Kiom da kazoj havas la Esperanta deklinacio?* a) nominativon — domo, juna, mi, kiu, ktp. b) akuzativon — domon, junan, min, kiun, ktp. kaj c) prepozitivon — al domo, pri juna viro, de mi, kun kiu, sur la domon, antaŭ la junan viron, apud min, ktp. Tiu ĉi kazo estas propre la komuna nomo de ĉiuj ceteraj kazoj gramatikaj, ekzistantaj en la naturaj lingvoj.

14. *Per kiuj prepozicioj oni formas la unuopajn prepozitivojn de la slovaka deklinacio?* a) la genitivon per prepozicio „de" — de la juna viro, k. s. La partitivan genitivon, t. e. la genitivon de kvanto, mezuro, pezo, per prepozicio „da" — taso da lakto, 5 metroj da tolo, 2 kilogramoj da sukero, k. s. b) la dativon per prepozicio „al" — al la juna viro, k. s. c) la lokativon per prepozicioj lokindikaj: en, sur, apud, preter, eĉ sen lokindiko: pri — en la domo, sur la nova domo, k. s. d) la sociativon per prepozicio „kun" — kun la juna viro, k. s. e) la instrumentalon per diversaj lokindikaj prepozicioj: antaŭ, post, malantaŭ, super, sub, inter, trans — antaŭ la pordo, k. s. f) la senprepozician instrumentalon per prepozicio „per" — per krajono, per bastono, k. s.

15. *Kion signas la substantivo?* Ĝi signas la nomon de konkretaj aŭ abstraktaj persono, besto, aĵo — mastro, nimfo; hundo, drako, feĉevalo, grifo; sukero, planto, vino, ambrozio, nektaro, kolero, doloro, ktp.

16. *Kiomspecaj estas la nomoj?* Duspecaj: a) komunaj nomoj por nomi klason, specon de personoj, bestoj kaj aĵoj — knabino, kato, tulipo, ktp. kaj b) propraj nomoj por determini individue personon, beston aŭ aĵon — Marinjo, Leonardo da Vinci; Dunĉo, Micka; Karpatoj, Nigra Maro, Praha, ktp.

17. *Kion vi scias pri la propraj no-*

*moj?* 1-e, ke ili estas „fremdaj“ en Esperanto, 2-e, ke ili povas esti asimilataj: a) per transskribo per Esperantaj literoj, b) per alpreno de Esperanta akcento kaj c) per alpreno de Esperanta finaĵo.

18. *Kiuj estas asimilitaj el la geografiaj nomoj?* a) la nomoj de kontinentoj — Eŭropo, Azio, ktp. b) la nomoj de gravaj insuloj kaj maroj — Sardujo, Malto, Kreto, Kanarioj: Adriatiko, Atlantiko, Pacifiko, Mediteraneo, ktp. c) ĉiuj landnomoj, d) la nomoj de kelkaj lagoj kaj riveroj — Lago Maĵora, Lago de Gardo; Danubo, Dnepro, ktp. e) la nomoj de kelkaj montoj — Altaj Tatroj, Alpoj, Monto Blanka, ktp. f) la nomoj de kelkaj urboj (ĉefurboj), kiuj estas rimarkindaj el Esperanta vidpunkto — Bjalistoko, Bulonjo, Hago, Krakovo, Parizo, Prago, ktp.

19. *Kiujn el la personaj nomoj oni asimilas?* — Precipe la baptonomojn (antaŭnomojn). La viraj ĉe la asimilo ricevas la substantivan o-finaĵon — Petro, Paŭlo, Ludoviko, k. s., la virinaj nomoj la adjektivan (internacian) a-finaĵon kaj el la responda vira nomo oni kreas ilin per sufiksoido „-ino“ — Paŭla aŭ Paŭlino, Ludovika aŭ Ludovikino.

Preferinda estas la a-finaĵa.

El la propraj (familiaj) nomoj oni asimilas la plej famajn latinajn, grekajn (helenajn), hebreajn kaj orientanajn — Vergilo, Horaco, Odiseo, Aristotelo, Moseo, Mateo, Luko, Mahometo, Budao, ktp.

20. *Kiajn formojn povas havi la neasimilitaj propraj nomoj?* Ili povas esti: a) fonetike transskribitaj laŭ Esperantaj literoj sen alpreno de akcento kaj finaĵo aŭ b) resti en siaj naciaj formoj laŭ nacia alfabeto (latina) — Byron, Shakespeare, Orzeszko, Kalocsay; Bordeaux, Žilina, ktp.

Ĉe ĉi-maniera skribado estas konsilinde indiki interkrampe la elparolon per Esperantaj literoj — Žilina (ĵilina), k. s.

21. *Kio estas adjektivo?* Vorto, kiu esprimas: a) kvaliton de iu aŭ io — forta homo, interesa libro, verda standardo, k. s. aŭ b) ian rilaton aŭ determinon — patra domo (domo de patro); certa homo, surtabla lampo, k. s.

Ĝi montras nek sekson nek gramatikan genron. Sed ĝi havas pluralon — fortaj homoj, k. s.

22. *Kiuj adjektivoj povas esti gradigataj?* Nur la kvalitaj, t. e. tiuj, kiuj devenas el adjektiva aŭ verba radikoj — forta, verda; interesa, akcenta, k. s. kaj iuj devenantaj el radikoj substantivaj — amika, fajra, k. s.

23. *Kiom da gradoj havas la komparacio?* Tri: a) pozitivon — juna, verda, interesa, k. s. b) komparativon — pli juna (ol), pli verda (ol), pli interesa (ol), k. s. c) superlativon — la plej juna, la plej verda, la plej interesa (el), k. s.

Se oni volas akcenti la superlativon, oni donas inter la artikolo kaj la adverbo „plej“ adverbon „multe“ — ĝi estas la multe plej verda, k. s.

24. *Kiom da formoj havas la komparacio?* Du formojn: a) absolutan, kiam la gradon de la kvalito oni taksas en si mem, sen komparo kun alia samkvalita objekto — tre bela, ekstreme bona, tro fiera, iom varma, terure alta, k. s. kaj b) relativan, kiam la gradon de la kvalito oni taksas, komparante ĝin kun tiu de la alia samkvalitaĵo — la domo estas alta, la ĉedoma arbo estas pli alta, la turo estas la plej alta, k. s.

25. *Kion vi scias pri la substantiva uzado de la adjektivoj?* Ĝi ne estas ofta, precipe sen ia ajn determinilo —

Ŝata ne kredas al malsata. Kartludis tie junaj kaj maljunaj, k. s.

Pli oftaj ili estas kun determiniloj (artikolo, poseda aŭ montra pronomoj) en interjekciaĵoj — mia kara!, mia plej adorata!, la kompatinda!, tiu mizera!

26. *Kiel esprimiĝas en Esperanto la posedaj adjektivoj slovakaj?* Dumaniere: a) per genitivo — ĉapelo (ganto, koro) de patro aŭ de patrino, kaj b) per adjektivigo de la posedanto — patra aŭ patrina ĉapelo (ganto, koro), k. s.

27. *Kia vorto estas pronomo?* — Ĝi estas vorto, kiu anstataŭas substantivon, ofte subkomprenatan — Viro sidis ĉe la tablo. Li (la viro) trinkis, k. s.

28. *Kiaj pronomoj ekzistas?* a) personaj pronomoj — mi, vi, (ci), li, ŝi, ĝi, ni, vi, ili, oni, si, b) posedaj pronomoj — mia, via, (cia), ktp., c) montraj pronomoj — tiu, tio, d) rilataj pronomoj — kiu, kio, e) demandaj pronomoj — ili estas identaj kun la rilataj pronomoj, f) kolektivaj pronomoj — ĉiu, ĉio, g) nedifinaj pronomoj — iu, io, kaj h) neaj pronomoj — neniu, nenio.

Ĉiuj pronomoj havas akuzativan formon kaj krom la personaj kaj o-finaĵaj ankaŭ pluralon.

La per -u finiĝantaj havas ankaŭ genitivon — kies, ties, ĉies, ktp., kiu indikas la posedanton.

29. *Kion vi scias pri la singulara duapersona ci-pronomo?* — Oni ĝin ne uzas en la parola lingvo kaj ĝi neniam estis praktike uzata. Ĝi estas sporade trovebla en la tradukita literaturo.

30. *Kion vi scias pri la singulara triapersona pronomo?* — Ĝi distingas genrojn viran: li, inan: ŝi kaj neŭtran: ĝi.

Por reprezenti la vortojn: homo, persono, individuo, infano, ĉe kiuj la sekso ne ludas gravan rolon, oni uzas „ĝi" kelkaj eĉ „li".

La pronomon „ĝi" Zamenhof uzas anstataŭ „tio" — „ĝi estas vi, Ivan Karpoviĉ", k. s.

31. *Kion vi scias pri la pronomo „si"?* — Ĝi servas nur por anstataŭi la triapersonajn pronomojn (en sing. kaj pluralo), kiam ili reprezentas subjekton.

Oni uzas ĝin nur en akuzativo kaj prepozitivo.

32. *Kio estas la artikolo?* Ĝi estas determinilo por substantivo. Ĝia sola formo estas „la" aŭ „l'", formo apostrofita, uzata nur en poezio, post vortoj vokale finiĝantaj — tra l', ke l', k. s.

33. *Kiam oni uzas la artikolon?* a) kiam ĝi indikas iun aŭ ion konatan, priparolitan, antaŭ la okuloj kuŝantan, b) kiam la substantivo indikas iun aŭ ion kiel reprezentanton de sia klaso aŭ kategorio, c) kiam la substantivo indikas iun aŭ ion kiel unikan en sia speco, d) antaŭ verbosubstantivo, kiam ĝin sekvas „de" — la flugado de birdoj, la ekkrio de la knabino, k. s. e) anstataŭ la poseda adjektivo por montri korpoparton aŭ veston.

34. *Kiel oni konvinkiĝas pri la ĝusta uzo de artikolo? Jene:* a) se oni povas sen sencoŝanĝo anstataŭi „la" per „tiu", b) se oni povas sen sencoŝanĝo anstataŭi „la" per „ĉiu", aŭ „ĉiuj", aŭ per „la tuta", c) se oni povas sen sencoŝanĝo anstataŭi „la" per „la sola" aŭ „la unika".

35. *Kiam oni ne uzas la artikolon?* a) kiam oni povas meti antaŭ la substantivon, sen ŝanĝi ties sencon, „unu certa", „iu", „ia" aŭ „kelka", „kelkaj", b) post prepozicio „da" kaj „ĉiu", „ĉiuj", „ambaŭ", „kies", „ties", ktp. c) antaŭ la posedaj adjektivoj — mia, via, sia, ktp. (sed jes, se ĝi estas reprezentanto de substantivo — kaj vi prenu la vian = vian krajonon, k. s.), d) antaŭ infinitivo

kaj vokativo — desegni estas amuze: rapidu, sinjoro!, k. s. e) antaŭ propraj nomoj (sed antaŭ river-kaj montonomoj oni tamen uzas — la Danubo, la Alpoj, la Altaj Tatroj, k. s.), f) antaŭ titolo, Dro Zamenhof, k. s. g) antaŭ la nomoj de monatoj kaj tagoj, h) kutime antaŭ la librotitoloj, i) ofte en proverboj kaj maksimoj — Okulo de mastro pli ol beno de pastro. Traflugis anĝelo preter orelo, k. s. j) antaŭ la majuskla titolindiko — UEA, k. s.

36. *Kiuj vortoj estas uzeblaj anstataŭ nedifina artikolo?* Ja, certa.

37. *Kiaj vortoj estas numeraloj?* Ili estas vortoj, kiuj signifas nombron. Principe ili estas nevariaj (nedeklinacieblaj) adjektivoj — tri pomoj, tri pomojn.

Kelkaj el ili estas substantivoj aŭ adjektivoj kaj tiuj estas ja variaj — nulo, nuloj, nulon, nulojn, miliono, milionon, milionoj, ktp.

38. *Kiel oni skribas litere la nombrojn?* Tiujn, kiuj adiciiĝas (10 + 3 = 13), oni skribas aparte — dek tri, dek kvin, kvardek du, k. s.

Tiujn, kiuj sin multiplikas (3 × 100 = 300), oni skribas per unu vorto — tricent, kvincent, dumil, k. s.

Sed la multiplikantojn de substantivaj numeraloj oni skribas aparte — tri milionoj, kvin miliardoj, k. s.

39. *Nomu la opajn specojn de numeraloj!* — Ili estas: a) bazaj aŭ fundamentaj — unu, du, tri, ktp. b) ordaj aŭ viemontraj — unua, dua, tria, ktp. Ili havas ankaŭ adverban formon — unue, due, ktp. c) multiplikaj — unuoble, duoble, trioble, ktp. d) kolektivaj — unuope, duope, triope, ktp. e) frakciaj — duono, triono, ktp. f) distribuaj — po unu, po du, po tri, ktp. g) nedifinaj — multe, malmulte, iom, ktp.

La multiplikaj kaj kolektivaj numeraloj havas ankaŭ adjektivan kaj substantivan formojn — duobla, duoblo; duopa, duopo, k. s.

Deklinacieblaj estas tiuj numeraloj, kiuj havas substantivan aŭ adjektivan formon.

40. *Kia diferenco estas inter „kvinoble“ kaj „kvinfoje“?* Kvinoble signas multiplikon, kvinfoje ripetadon.

41. *Kiomspecaj estas la frakcioj?* Duspecaj: a) ordinaraj frakcioj — $^2/_3$, $^1/_{10}$, $^5/_{12}$, ktp. b) decimalaj frakcioj — 0,50, 01, ktp.

42. *Kiel oni legas la decimalajn frakciojn?* Jene: 0,35 (nul, komo, 35), 0,001 (nul, komo, nul, nul, unu), k. s.

43. *Kiel oni legas la aritmetikajn formulojn?* La adician formulon — $1 + 2 = 3$ (unu plus du faras tri aŭ 1 kaj 2 estas 3), k. s.

La substrahan — $5 - 2 = 3$ (5 minus 2 faras aŭ estas 3), k. s.

La multiplikan — $3 \times 4$ (trioble kvar estas aŭ faras 12) aŭ 3 obligite per 4 faras 12) k. s.

La dividan — $12 : 4 = 3$ (12 dividite per 4 faras 3), k. s.

La potencigan formulon oni legas — $5^2$ (la dua potenco de 5 estas 25), k. s.

La formulon de elradikado jene — $\sqrt[3]{125} = 5$ (la tria radiko de 125 estas 5), k. s.

44. *Kiel oni demandas kaj respondas pri la horo, aĝo kaj dato?* Pri la horo oni demandas — Kioma horo estas? kaj respondas — Estas la kvara kaj 15 minutoj, aŭ la kvara kaj kvarono, la kvina kaj $^3/_4$-oj, Aŭ: Estas 5 minutoj post la 12-a, estas 5 minutoj antaŭ la 12-a, k. s.

Pri la aĝo oni demandas — Kiom vi aĝas? kaj respondas — Mi estas 25-jara

aŭ Kia estas via aĝo? kaj respondas — Mi estas en mia 25-a jaro aŭ Mi havas 25 jarojn, k. s.

Pri la dato oni demandas — Kia dato estas hodiaŭ? kaj oni respondas — Hodiaŭ estas la 5-a de majo. Aŭ — Kiun tagon ni havas hodiaŭ? kaj respondas — Hodiaŭ estas vendredo, k. s.

45. *Kia vorto estas adverbo?* La adverbo estas vorto, kiu signas la diversajn cirkonstancojn de ago esprimita de la verbo — bele, interese, tuj, tie, vintre, baldaŭ, k. s.

46. *Kiomspecaj estas la adverboj?* Duspecaj:

a) primitivaj — tiam, nun, tuj, hieraŭ, ankaŭ, ktp.

b) derivitaj — bele, kuraĝe, matene, somere, ktp.

La primitivaj havas tri grupojn:

a) tabel-adverbojn — ie, iam, iel, ial, iom, ktp.

b) aŭ-adverbojn — ankoraŭ, baldaŭ, ktp.

c) nesimetriajn adverbojn — jam, ĵus, for, ktp.

47. *Kiaj estas la tabel-adverboj?*

a) nedifinaj — ie, iam, ial, ktp.

b) montraj — tie, tiam, tial, tiel, ktp.

c) demandaj — kie, kiam, kiel, ktp.

d) kolektivaj — ĉie, ĉiam, ĉial, ktp. kaj

e) negativaj — nenie, neniam, ktp.

48. *Kion signas la adverboj?*

a) lokon — ie, tie, ĉie, ktp.

b) tempon — iam, tiam, ĉiam, ktp.

c) kaŭzon — ial, tial, ĉial, ktp.

d) manieron — iel, tiel, ĉiel, ktp. kaj

e) kvanton — iom, tiom, ĉiom, ktp.

Al la lokmontra adverbo: tie, oni povas aldoni la ĉi-adverbon por indiki pliproksimecon—ĉi tie aŭ tie ĉi. La ceteraj ĝin ne akceptas. La lokadverboj tabelaj povas alpreni n-finaĵon por montri almovon — ie-ien, tie-tien, ktp.

49. *Kiuj adverboj estas nomataj „ĝemelaj adverboj“?* Tiuj, kiujn oni uzas kun konjunkcio „kaj“ — tie kaj tie, tiam kaj tiam, tie kaj ĉi tie, k. s.

50. *Kia diferenco estas inter „ankaŭ“ kaj „eĉ“?* Tia, ke „eĉ“ estas pli insista ol „ankaŭ“ — Mi donas ankaŭ al vi, signifas, ke krom al aliaj mi donas ankaŭ al vi.

Mi donas eĉ al vi, signifas, ke kvankam vi tion ne meritas, mi tamen donas ankaŭ al vi, k. s.

51. *Kia diferenco estas inter „ĝuste“ kaj „ĵus“?* Tia, ke „ĝuste“ signifas: a) precize kaj b) nun, en tiu (ĉi) tempo, dum „ĵus“ signifas: antaŭ momento(j). Ekzemploj: Mi ĝuste manĝas kaj vi venas. Mi ĝuste manĝos, kiam li frapos ĉe mia pordo.

Do la formoj kun „ĝuste“ estas: ..ĝuste -as, ĝuste -is, ĝuste -os, ktp. La formo kun „ĵus“ povas esti nur: ...ĵus -is!

52. *El kiaj radikvortoj oni povas derivi adverbojn?* El radikvortoj:

a) adjektivaj — bone, agrable, ktp.

b) substantivaj — krajone, persone, home, vintre, ktp.

c) verbaj — skribe, side, kure, ktp.

d) prepoziciaj — kune, pretere, poste, ktp.

Eĉ el vortogrupo oni povas fari adverbon — ĉiun sabaton = ĉiusabate, sur la lito — surlite, k. s.

53. *Kiuj adverboj estas ne komparacieblaj?* La primitivaj adverboj: tuj, baldaŭ, tre, ktp.

54. *Kion vi scias pri la komparacio de adverboj?* La derivitajn adverbojn, kiuj devenas el adjektiva radiko, oni komparacias same kiel la adjektivojn — iom forte, tre forte, tro forte, ktp.

(absoluta komparacio), pli forte, plej forte, ktp. (relativa komparacio).

La adverba superlativo ne povas havi artikolon!

55. *Ĉu ĉiuj derivitaj adverboj estas komparacieblaj?* Ne. El la substantiv-radikaj, verbradikaj kaj prepoziciaj adverboj nur kelkajn oni povas komparacii. (Vidu punktou 22!)

Ĉiuj adjektiv-radikaj adverboj estas komparacieblaj.

56. *Kiaj vortoj estas fareblaj el primitivaj adverboj?* Oni povas fari el iuj:

a) adjektivon — adiaŭa, baldaŭa, jesa, nea, ktp.

b) verbon — jesi, nei, troigi, ktp.

c) substantivon — jeno, neado, morgaŭo, ktp.

57. *Kia vorto estas la verbo?* Ĝi estas la ĉefa vorto de la propozicio kaj frazo kaj esprimas agon aŭ staton, atribuatan al la subjekto — skribu, kantas, iris, lerni, ktp.

58. *Kiajn cirkonstancojn esprimas la verbo?*

a) tempon, kiam la ago okazas. Ĝin montras per finaĵoj -as, -is, -os (prezenco, preterito, futuro),

b) modalon, kiu montras la sintaksan funkcion, la rolon de la verboformo — finitivo: legas, kantis, iros, sidu, flugus, infinitivo: legi, kanti, iri, sidi, flugi, participo: leganta, kantita, ironta, ktp.

c) modon, kiu montras, ke la ago efektiviĝis, -as, -os (indika modo aŭ indikativo), ke la ago estas efektivigenda (ordona modo, u-modo aŭ volitivo) kaj fine, ke la ago estas kondiĉita per ia cirkonstanco (kondicionalo, us-modo aŭ fiktiva modo),

d) voĉon, kiu indikas, ĉu la subjekto plenumas -is, -os la agon (aktiva voĉo aŭ aktivo) — legas, kantis, iros, aŭ ĝin suferas (pasiva voĉo aŭ pasivo) — legata, kantita, irota aŭ ĉu la ago estas trudita al iu (faktiva voĉo aŭ faktitivo) — legigas, kantigis, irigos aŭ fine, ĉu la ago reagas al la subjekto mem (mediala voĉo aŭ medialo) — baniĝas, sidiĝis, stariĝos, kuŝiĝu, ktp.

e) aspekton, kiu prezentas: la komencon de la ago (komenca aspekto) — eklegi, ekkanti, ekiri, la momentan daŭron de la ago (momenta aspekto) — ekbrili, ekfulmi, ekvidi; longe-daŭran agon (daŭra aspekto) — pafadi, sidadi, kantadi, legadi; agon ripetan (ripeta aspekto) — relegi, reiri, rekanti; agon perfekte plenumitan (fina aspekto) — elmeti, tralegi, finkanti, k. s.

59. *Kion vi scias pri la infinitivo?* Ĝi povas funkcii:

a) kiel predikato en ordonaj propozicioj — Fermi la buŝon! Ne ekpepi!

b) kiel subjekto — Eviti danĝeron estas prudente = Evito de danĝero estas prudenta.

c) kiel objekto — Kiu ŝatas manĝi, ŝatu ankaŭ labori = Kiu ŝatas manĝon, ŝatu ankaŭ laboron.

d) kiel predikativo — Akcepti ne estas forpreni, ktp.

Infinitivo, eĉ kiam ĝi reprezentas substantivon (literoj b-d!), ne povas havi artikolon eĉ ne prepozicion.

60. *Kio estas verbo-substantivo?* Ĝi estas substantivo farita el verba radiko per sufiksoido -ado — legado, irado, pensado, ktp.

Ado ĉe verbaj radikoj signas:

a) longan daŭron — irado, kuŝado, legado, ktp.

b) plurfojan ripeton — pafado, saltado, ktp.

Ĉe radikoj prepoziciaj kaj interjekciaj nomon de la ago — ĉirkaŭado, anstataŭado; huŝado, ho-rukado, ktp.

61. *Kion oni povas pluformi el verbo-substantivo?*

a) adjektivon — legada, saltada, ĉirkaŭada, ktp.

b) verbon, kiu signas longan daŭron aŭ ripetadon de la ago — iradi, kuŝadi; saltadi, kaptadi, ktp.

62. *Kiom da participoj havas Esperanto?* Ses. Tri por aktivo kaj tri por pasivo.

Por aktivo prezenca servas: -anta, por preterita: -inta kaj por futura: -onta.

Por pasivo prezenca: -ata, por preterita: -ita kaj por futura: -ota.

63. *Kio estas gerundio?* Ĝi estas la adverba formo de la participo — legante, irinte, kantonte, k. s. en aktivo kaj: legate, kantite, ktp. en pasivo.

64. *Kiuj participoj kaj gerundioj mankas en la slovaka lingvo?* — La futuraj — legonta, legonte, legota, legote, k. s.

65. *Kiajn verbo-kategoriojn oni distingas en Esperanto?* Ĉe la aktiva voĉo:

a) ag-verbojn, kiuj montras agadon — legi, paroli, marteli, ktp.

b) stat-verbojn, kiuj montras staton — stari, kuŝi, juni, ktp. kaj

c) kopulajn verbojn, kiuj montras rilaton inter la subjekto kaj kvalito al ĝi apartenanta — esti, ŝajni, aspekti -a(j), ktp.

66. *Kiaj estas la ag-verboj?* Duspecaj:

a) transiraj aŭ transitivaj, ĉe kiuj la ago celas, koncernas iun aŭ ion — legi, vidi, trinki, kanti, ktp.

b) netransiraj aŭ netransitivaj, ĉe kiuj la ago celas, koncernas neniun aŭ nenion — aparteni, aperi, brui, cirkuli, ktp.

67. *Ĉu verbo povas esti samtempe transitiva kaj netransitiva?* Ne. Escepton montras sole unu „fumi", kiun oni uzas kaj transitive kaj netransitive — Mi fumas pipon, kaj La pipo fumas.

68. *Per kio oni transitivigas netransitivan verbon?* Per afiksoj -ig, -um, pri-: aperigi, cirkuligi, dormigi; plenumi, pendumi; prilumi, prisilenti, primediti, ktp.

69. *Per kio oni sentransitivigas la transitivajn verbojn?* Per sufiksoido -iĝ: finiĝi, komenciĝi, ofendiĝi, ktp.

70. *Nur kiaj verboj povas havi pasivon?* Nur la transitivaj aŭ transitivigitaj verboj — legata, kantita, skribota; plenumata, priplorita, aperigota, ktp.

71. *Kiom da formoj havas la faktiva voĉo?* Du:

a) sintezan — kantigi, migrigi, ktp. kaj

b) analizan — igi kanti, igi migri, ktp.

La sinteza formo ĉe netransitivaj verbradikoj estas aktivsenca — kuŝigi infanon — igi kuŝanta, ktp. kaj ĉe transitivaj verbradikoj ĝi estas pasivsenca — desegnigi infanon — igi desegnata (-ita), ktp.

La analizan formon oni uzas por signi aktivan sencon ĉe transitivaj verbradikoj — Mi igis lin desegni la infanon, ktp.

72. *Kion vi scias pri la mediala voĉo?* — Ĝi ne povas havi apartan objekton, ĉar la subjekto mem estas samtempe objekto de la ago — Mi desegniĝas, ktp. Ĝi estas iom parenca al la refleksivo — Mi desegnas min, ktp., sed la refleksivo esprimas agon vole, konscie faratan, dum la medialo agon faratan nevole, nekonscie.

73. *Kia diferenco estas inter la medialo kaj pasivo?* — Ĉe la pasivo oni subkomprenas aganton — La polvo estas ŝutata, (ĉar iu ĝin ŝutas), ktp. kaj ĉe la mediala voĉo tia ekstera aganto mankas — La polvo ŝutiĝas (per si mem), ktp.

74. *Kiomspeca estas la verba konjugacio?* Duspeca: a) simpla per -as, -is, -os, -us, -u kaj kompleksa per helpa verbo „esti" kaj la aktivaj aŭ pasivaj participoj: mi estas skribanta ktp.

La kompleksaj formoj aktivaj estas malofte uzataj. Por temponuancado oni prefere uzas adverbojn „jus" kaj „tuj" — Mi estas fininta = mi ĵus finis kaj: Mi estas finonta = mi tuj finos, ktp.

75. *Kia vorto estas prepozicio?* Ĝi estas vorto nevaria, neuzata memstare. Kun nuda aŭ determinita substantivo ĝi formas prepozitivon — en korto, en la korto, en tiu korto, kaj kun adverbo ĝi formas prepoziciaĵon — age de, renkonte al, kontraste kun, ktp.

76. *Kiom da specoj havas la prepozitivo?* Tri: a) nominativan prepozitivon — en la korto, b) akuzativan prepozitivon — en la korton, kaj c) prepozitivan prepozitivon — de sur la tegmento, el sub la tegmento, ktp.

77. *Kiam oni uzas akuzativ-prepozitivon?* — Oni ĝin uzas kun kinetikaj (movindikaj) verboj por indiki ne nur la direkton, sed ankaŭ la atingon de la celo, cel-interno aŭ cel-supro — Ŝi kuris en la ĉambron kaj metis lampon sur la tablon, k. s.

78. *Kiuj prepozicioj ne povas ligiĝi kun akuzativo?* La movaj prepozicioj: al, de, el, ĝis kaj preter. Krome: je, pri, da, dum kun, per, pro, sen, laŭ, ktp.

79. *Kio estas prepoziciaĵo?* Prepoziciaĵo oni nomas adverbon kun prepozicio — dank'al, helpe de ktp.

80. *Kiaj prepoziciaĵoj estas?* a) alprepoziciaĵoj — dank'al, konforme al, rekonte al, ktp., b) de-prepoziciaĵoj — flanke de, fare de, helpe de, ktp. kaj c) kun-prepoziciaĵoj — kune kun, kompare kun, paralele kun, ktp.

81. *Kiaj vortoj estas la konjunkcioj?* Ili estas vortoj memstare neuzeblaj, kiuj kunigas vortojn, propoziciojn kaj frazojn — mi kaj vi; ŝi ne lernas, sed nur legas, ktp.

Krom simplaj konjunkcioj — kaj, ĉar, sed, ktp. estas ankaŭ konjunkcioj duopaj — kaj... kaj, jen... jen, aŭ... aŭ, nek... nek, ktp.

82. *Kian vorton oni nomas subjunkcio?* Konjunkcion, kiun oni uzas por kunigi sub-propozicion kun la ĉefpropozicio — ĉar, ke, se, ktp.

83. *Kiuj konjunkcioj estas korelativaj?* Tiuj, kiuj respondas unu al la alia — ju... des, ne nur... sed ankaŭ, k. s.

84. *Kion vi scias pri la ĉu-, nek- kaj des-konjunkcioj?* „Ĉu" oni ne povas uzi en la senco de „aŭ" — Petu ĝin ĉu (=aŭ) de la patro, ĉu (=aŭ) de la patrino, korekte: Petu ĝin aŭ...

Oni ne pozas uzi „nek" sen alia nea vorto — Estis silente, nek susureto estis aŭdebla — korekte: eĉ ne susureto, ktp.

„Des" ne estas uzebla apartigite de sia korelativa „ju" — Ju pli frue, des pli bone. Ju enkondukas kaŭzon, des ties sekvon. Kiam en la propozicio ne estas indikita kaŭzo anstataŭ „des pli" oni uzu „tiom pli" — Li malmulte laboris, sed des pli multe parolis, korekte: sed tiom pli multe parolis, ktp.

85. *Kiaj vortoj estas interjekcioj?* Vortoj, kiuj esprimas subitan, fortan emocion en formo de ekkrio — aĥ, ha, ho, huŝ!, ktp.

86. *Kiel oni klasigas la interjekciojn?*

a) alvokaj interjekcioj — he!, hola!, ktp.

b) forpelaj interjekcioj — for!, huŝ!, ktp.

c) instigaj interjekcioj — ek!, hej!, ĉit!, ho ruk!, ktp.

d) sent-esprimaj interjekcioj — aĥ, ha, aj!, brr!, fi, fu!, ktp.

Ankaŭ la sonimitajn vortojn (onomatopeojn) oni povas ĉi tien alvicigi: kokeriko!, pif-paf, ktp.

## SINTAKSO

1. *Kio estas sintakso?* Ĝi estas parto de la gramatiko, okupiĝanta pri *frazkonstruo,* t. e. pri la reciprokaj rilatoj de la vortoj kaj propozicioj en la frazo.

2. *Je kiom da partoj oni dividas la sintakson?* Je tri partoj: a) *vortsintakso,* b) *propozicisintakso* kaj *frazsintakso.*

3. *Pri kio okupiĝas la vortsintakso?* Pri la rilato de unuopaj vortoj en la vortogrupoj, konsistigantaj propoziciojn.

4. *Pri kio okupiĝas la propozici-sintakso?* Pri la *frazeroj* (vortoj kaj vortogrupoj) de propozicio.

5. *Pri kio okupiĝas la frazsintakso?* Pri la rilato de la propozicioj en la kompleksa frazo.

6. *Kiajn membrojn havas la vortogrupo?* Ĝi havas a)*kernovorton* kaj b) *komplemento(j)n.*

7. *Kiu el la membroj de la vortogrupo estas kernovorto?* La determinata — juna *viro, la urbo* Martin, tre *interesa,* k. s.

La determinantoj estas komplementoj — *juna* viro, *tre* valora, Bratislava, *la ĉefurbo de Slovakujo,* estas, ktp. La komplementoj estas la *karakteriziloj* de la kernovorto.

8. *Kiaj vortoj povas karakterizi la substantivan kernovorton?* Adjektivo aŭ substantivo. Ili nomiĝas epitetoj kaj suplementoj (t. e. la prepozitiva aŭ prepoziciaĵa epitetoj).

*Adjektiva epiteto* — *granda* urbo, *fortan* viron, Petro *la Granda,* ktp.

*Substantiva epiteto* — *instruisto* Veselý, Novák, *la forĝisto,* ktp.

*Suplemento prepozitiva* — la domo *de la amiko,* apoteko *ĉe la Savinto,* ktp.

*Suplemento prepoziciaĵa* — la invito *fare* de sinjoro Kučera, ktp.

9. *Kiaj vortoj povas karakterizi la adjektivan kernovorton? Adverbo, substantivo kaj infinitivo.* Ili nomiĝas suplementoj.

*Adverba suplemento* — *maŝine* preciza, *tre* bela, *tro* longa, ktp.

*Substantiva suplemento* — *tri metrojn* larĝa, pli aĝa je (per) *ok jaroj,* lama je *dekstra kruro,* ktp.

*Infinitiva suplemento* — ema *kvereli,* inklina *plenumi,* ktp.

10. *Kiaj vortoj povas karakterizi la adverban kernovorton? Adverbo* kaj *substantivo.* Ilin oni nomas suplementoj.

*Adverba suplemento* — patrine afable, tro forte, ktp.

*Substantiva suplemento* — rilate ŝian amikon, fare de liaj persekutantoj, ktp.

11. *Kiel oni nomas la komplementojn de la verba kernovorto?* a) *objektoj* kaj, b) *adjektoj.*

12. *Kia povas esti la objekto?* Ĝi povas esti a) *rekta,* kiam ĝi staras en senprepozicia akuzativo — aĉeti domon, legi interesan romanon, kaj b) *nerekta,* kiam ĝi staras en prepozitivo.

*La nerekta objekto* povas esti a) *pri-objekto (traktativa)* — paroli *pri* domo, b) *al-objekto (dativa)* — diri *al* la patro, kaj, c) *de-objekto (ablativa)* — timi *de* la najbaro, ktp..

13. *Kiaj povas esti la adjektoj?* Ili povas esti a) *adverbaj* — interese paroli, morgaŭ forveturi, tro krii, ktp., b) *akuzativaj aŭ rektaj* — vojaĝi Italujon, la 15-an de februaro, ktp., c) *prepozitivaj*

aŭ nerektaj — kuri kun ĉapo en la mano, almozpeti de domo al domo, ktp.

14. *Kiujn cirkonstancojn oni plej ofte esprimas per adjektoj?* La *lokon* kaj la *tempon* de la ago. *Lok-adjektoj* — troviĝi en la ĉambro, kuri ĉirkaŭ la domo, stari ĉe la pordo, ktp. *Tempadjektoj* — trinki ĉiumatene, iri ĉiun matenon, kanti ĉe la sunsubiro, ricevi post kvin semajnoj, ktp.

15. *El kio konsistas la parolo?* Ĝi konsistas el propozicioj kaj frazoj.

16. *Kio estas propozicio?* Ĝi estas *kunaĵo de vortoj*, esprimantaj opinion pri iu, aŭ io — Petro sidas. La kato manĝas muson. Fulmas, ktp.

17. *Kio estas frazo?* Ĝi estas *kunaĵo de propozicioj* — Pri la blankaj bluokulaj virkatoj oni diras, ke ili estas surdaj. Kia saluto, tia resaluto. Du militas, tria profitas, ktp.

18. *Kiajn propoziciojn oni distingas?* a) *primitivajn* — Oni vivas. La birdo kantas, b) *komplementitajn* — En tia mondo oni vivas agrable. La birdo kantas bele, c) *elipsajn* — Bonan matenon! (mankas la subjekto, predikato kaj nerekta objekto: mi deziras al vi), For! mankas la subjekto kaj predikato: Iru (vi), ktp.

19. *Kiaj estas la frazoj?* Ili estas *simplaj*, kun unu predikata verbo (t. e. propozicioj) kaj *kompleksaj*, kun pli da predikataj verboj.

20. *Kiaj povas esti la kompleksaj frazoj?* Ili povas esti: a) *kunorditaj* — Tajloro krimis, botisto pendas. Hundo bojas, homo vojas, b) *suborditaj* — Kiu bojas, ne mordas. Se Peĉjo ne semas, Petro ne rikoltos, Kion mi povas, tion mi elŝovas, ktp.

Ĉi tien apartenas ankaŭ la t. n. *rekta parolo* — Li diris: „Ne forgesu aĉeti bileton!“, eĉ la t. n. *kuntiritaj frazoj* — Li sidiĝis, prenis libron kaj eklegis, kiujn oni povas dissolvi en tiom da apartaj, memstaraj propozicioj, kiom da samspecaj frazelementoj troviĝas en ili (Li sidiĝis— Li prenis libron — Li eklegis) k. s.

21. *Kiom da ĉefaj frazelementoj havas la propozicio?* Du. Nome: a) *subjekton* kaj, b) *predikativon*. Laŭ tiuj ĉi frazelementoj oni povas dividi la propozicion je du partoj: subjekta kaj predikata — Okazo (*subjekta parto*) faras ŝteliston (*predikato parto*). Ne ĉio brilanta (*subj. parto*) estas diamanto (*predik. parto*), ktp.

22. *Kiu frazelemento estas subjekto?* Tiu, kiu indikas la faranton aŭ suferanton de la verba ago — *La ŝtono* kuŝas. Li kantas. *Petro* legas, ktp.

23. *Kia vorto povas esti subjekto?* Ordinare ĝi estas *persona pronomo* aŭ *substantivo*, *propra nomo*, sed en specialaj propozicioj subjekto povas esti *ia ajn vorto eĉ vortoparto* — „a“, estas vokalo. „tu“ estas silabo, „nj“ estas sufikso, ktp.

Subjekto, se ĝi estas vorto varia, devas ĉiam stari en *nominativo*.

24. *Kiu frazelemento estas predikato?* Tiu, kiu indikas la de la subjekto faritan (faratan, farotan) aŭ suferitan (suferatan, suferotan) agon — La kato longe *miaŭis*. Petro *estas batata* de ĉiu, ktp.

25. *Kia vorto povas esti predikato?* Ĝi povas esti nur difina verbo, kiu finiĝas per *-as, -is, -os, -us* aŭ *-u*.

26. *Kio estas kopulo?* Ĝi estas *difina verbo*, kiu rilatigas *predikativon*, t. e. neverban predikaton al la subjekto — Mi *estas* laboristo. La ĉapelo *ŝajnis* nova, ktp.

27. *Kiaj vortoj estas plej ofte predikativoj?* Substantivoj kaj adjektivoj — Li estas *homo*. La rozo estas *bela*, ktp.

„...en la lingvoj angla kaj Esperanto la vortoj havas nur sekson *naturan*, kaj tial, parolante pri infanoj, bestoj kaj objektoj, kies naturan sekson ni ne scias, ni *vole-ne-vole* (sen ia ofenda inteco) uzas pronomon mezan inter „li“ kaj „ŝi“ — la vorton „ĝi“. Tiel same ni parolas ankaŭ pri „persono“. „Kaj aliloke li daŭrigas: „Cetere, parolante pri infano, pri kiu ni *scias*, ke ĝi *ne* estas knabino (aŭ almenaŭ ne *scias*, ke ĝi estas *knabino)*, ni povas uzi la vorton „li“.“ (Pĝ. 48.)

Tiu ĉi Zamenhofa respondo rilatas al „infano“, pri kiu ni scias, ke ĝi ne estas knabino. Ĉi-kaze la infanon ni ne konsideras plu „infano“, sed *knabo:* Paŭĉjo aŭ Peĉjo — kaj sekve al ĉiuj ĉi nomoj senkondiĉe, logike kaj kategorie nur apartenas la pronomo „li“!

Pri la uzo de pronomo por „homo“ Zamenhof diras: „Kiam ni parolas pri homo, ne montrante la sekson, tiam estus regule uzi la pronomom „ĝi“ (kiel ni faras ekzemple kun la vorto „infano“), kaj se vi tiel agos, vi estos gramatike tute prava.“

En la plua teksto ankaŭ li elsentas „ion malaltigan“ koncerne la pronomon „ĝi“ rilate al homo, kaj konsilas „fari tiel, kiel oni faras en la aliaj lingvoj, kaj uzi por „homo“ la pronomon „li“. Krome li aldonas:... ĉiun fojon, kiam ni parolas ne speciale pri sekso *virina,* ni povas uzi la viran formon por *ambaŭ* seksoj (ekzemple „homo“ = homo aŭ homino, „riĉulo“ = riĉulino k. t. p.) (pĝ.51.)

Zamenhof en tiu ĉi respondo utiligis la fakton, ke en la naturaj lingvoj sub nocio „homo“, oni ĉiam komprenas „viro“. (Komparu ekzemple la hungarajn kontrastojn: „ember — németr“, kie ember = *homo, viro,* dum nember (nem ember) = *neviro!*

Koncerne la Zamenhofan ekvacion: *„riĉulo“ = riĉulo aŭ riĉulino* mi povas diri, ke neniam mi subkomprenis, aŭdinte *la* vorton: personon inseksan, eĉ ne riĉan infanon, sed ĉiam sole virseksulon. Ties kaŭzo kuŝas eble en tio, ke en antikvaj tempoj ĉe la Slovakaro kaj entute Slavaro, posedanto de ĉia havaĵo estis virseksulo. Kiam mortis la patro-posedanto, liajn rajtojn heredis la plej aĝa filo (kaj manke de filo la familia plejaĝulo), kiun devis obei ĉiuj familianoj, ne-esceptante eĉ la vidvinon, plej ofte la propran patrinon de la nova famili-estro.

Versimile la afero ĉi-koncerne estis analoga ankaŭ ĉe la ceteraj homgentoj.

Laŭ ĉio supre indikita ni ne trovas kondamninda la uzon de„ĝi“anstataŭ „homo“, „persono“, „individuo“ k. s., se el la kunteksto estas evidente, ke oni parolas senkonsidere al la natura sekso:

1-e, *ĉar en la pronomo „ĝi“ oni povas trovi nenian ofendan nuancon,* ja ankaŭ en la naturaj lingvoj oni uzas neŭtran pronomon ekzemple por infano, estaĵo plej aminda, pri kiu oni tamen ne povas paroli ofende, kaj kiu ankaŭ estas „homo“ samkiel viro aŭ virino!

2-e, *ĉar la pronomo „li“ nenie en la Esperanta gramatiko estas preferata al la ceteraj person-pronomoj,* kiel en la slovaka, kie oni diras malimplicite pri la prefero de la vira genro.

3-e, *ĉar en ĉiu lingvo sed precipe en Esperanto oni plejakcente postulas, ke la verkinto esprimiĝu ĉiucirkonstance — ĝuste senmiskomprene, unuvorte, klare,* kaj ne tiel, kiel en la citita specimeno.

La malvereco kaj nekredebleco de la specimeno estas tiom diafana, ke ĝin tuj rimarkas ankaŭ nespecialisto. Rutina stilisto estus farinta sian plumekzercon almenaŭ jene:

*„Ni sidis sur la plaĝo kaj rigardis kiel proksimiĝas boato kun rapide remanta homo. La antaŭaĵo de la boato estis preskaŭ bela, sed ĝia malantaŭo estis malpura kaj havis truon, tra kiu senĉese enfluis akvo. Malgraŭ tio, ke* (la homo lasis la truon neŝtopita kaj) *la subakviĝo de la boato estis certa, ĝi sidis en la boato trankvile kaj atingis la bordon feliĉe.“*

Ĉi-loke mi alnajlas refoje la postulon de bona stilo:

*La diritaĵo estu ĉiam klara, ekskluzivanta ĉiun miskomprenon. Ne gravas kiun pronomon oni elektas por anstataŭi la esprimojn „infano“ aŭ „homo“* — ĉu „Li“ aŭ „ĝi“, *sed multe pli grava estas, ke la prezentita anstataŭigo estu klare komprenebla.*

CVIČÍME SA PREKLADANÍ.

(Preklad úlohy z č. 9.)

A. La laboroj ĉe konstruo de Moskva Ŝtata Universitato sur la Lenina Montetaro jam proksimiĝas al fino. Al la centra, 26-etaĝa konstruaĵo oni alkonstruos flankajn 18-, 13- kaj 9-etaĝajn alojn. Malantaŭ la ĉefa konstruaĵo oni lokigos la fakultatojn de ĥemio kaj fiziko kaj la fakultaton de biologio kaj agroĥemio. Al la universitato kondukas larĝaj ŝoseoj, kiujn oni nun betonas. Sur la tuta konstruejo estas dislokitaj helpaj deponejoj. Al la konstruejo venas ĉiutage 300—400 vagonoj da konstrumaterialoj kaj ekipaĵoj. Ŝur la granda plataĵo maldekstre estas fondata botanika ĝardeno. Tie, kie nun estas amasoj da argilo kaj ŝtonoj, staros granda alpinio kaj ĝardenoj kun miloj da arboj kaj arbustoj.

B. La Entreprenaj Kluboj devus detale revizii la ĝisnunan enhavon de la laboro de unuopaj kolektivoj; kontroli, kie ili helpas ĉe plenumado de labortaskoj en siaj enntreprenoj, kiel ilia aktivado ĝojige kaj iniciate instigas la laborantojnn, ke ili post la prezentado laboru kun ankoraŭ pli granda emo, konscio kaj eltrovemo. Per tia rekontrolo ni konstatos, ke niaj kolektivoj en Entreprenaj Kluboj malmulte orientiĝas je la ĉefaj labortaskoj en la entreprenoj, ke ili ludas malmulte da agitprezentadoj, instigantaj al pli altaj laborrezultoj, al disvastigo de laborsturmula kaj staĥanova movadoj, al singardemo kontraŭ la malamiko.

C. „Dum la revizio de normoj" — estas dirite en la rezolucio de la registaro — „estas necese ekataki la malnoviĝintajn teknikon kaj organizon de laboro, plu batali por plena eluzo de la rezervoj kaj de la kapacito de entreprenoj, por malaltigo de memkostoj kaj tiel sekurigi la plialtiĝon de la realaj salajroj. Tial ĉiu okupatoj en la industrio devas respondece solvi ĉiujn problemojn de la ĉi-jara kampanjo por revizio de normoj.

El tio rezultas, ke en la entreprenoj estas necese fari fundan analizon de produktado, prikonsideri ĉiujn eblecojn por plibonigi la teknikon kaj organizadon de la laboro, por ke la laborantoj povu fiksi novajn normojn, kiuj helpos plialtigi la laborproduktivecon. Alie dirite, ni devas serĉi ĉiujn rimedojn por ke ĉiu el ni produktu dum tempo-unuo pli multe da varoj ol antaŭe.

## Tlačová podpora

J. Rýpar, Holešov 100.—; J. Horník, Dolní Měcholupy 30.—; F. Svačina, Lanžhot 75.—; J. Ruttkay, Mikuláš 50.—; J. Masnica, Sučany 20.—; V. Trávničková, Buchlovice 30.—; R. Šlechtová, Mikuláš 50.—; P. Šimkovič, Prešov 50.—; J. Pátek, Sovadina 30.—; V. Kubalčič, Tichý Potok 30.—; J. Antal, L. Ondrašová 50.—; Svaz Esp. ČSR, Sezimovo Ústí 30.—; M. Hajdu, Mikuláš 30.—; Š. Záboj, Zlatníky 20.—; Esp. Klubo Ostrava VIII. 30.—; J. Olexa. Poprad 40.—; S. Valešová, Turnov 80.—; J. Hlinovský, Rokycany 10.—; J. Sobíšek, Hradec Kráľové 20.—; K. Beran, Suchdol 27.—; M. Kocúr, Šenov 30.—; M. Kotásková, Gottwaldov 30.—; J. Bratko, Retenice 27.—; V. Saktor, Hont. Tesáre 16.—; Z Šteffel, Poprad 37.—, M. Blažek, Holásky 50.—; S. Michalka, Spišská Nová Ves 47.—; P. Novák, Bratislava 26.—; K. Mrňuštík, Liptové 50.—; E. Rašková, Klimkovice 94.—; A. Bobek, Turnov 30.—; Š. Beláková, Nitra 20.—; V. Jablonský, Nedožery 47.—; B. Kočandrle, Tachov 27.—; O. Drunecký, Bukov 100.—; Frant. Mikulášek, Vrchlabí 50.—; L. Nemčok, Žilina 100.—; P. Švec, Dubnica n/V. 100.—; E. Šír, Brno 30.—; F. Svačina, Lanžhot 25.—; R. Šluchtová, Ružomberok 60.—;